12-a jaro. — N-ros 10-11 (140-141) OKTOBRO-NOVEMBRO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

**Fondintoj:** L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**
ANTVERPENO

**Redaktoro:** M. JAUMOTTE.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. BOEREN, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al:
**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**

ENHAVO. — Princo Leopoldo - Princino Astrid. — Babilado. — Jubilea Statistiko. — Belga Kroniko. — Gratuloj. — Nekrologo. — Belga Gazetara Statistiko. — U. E. A. Belga Teritorio. — Mi konas kanton. — Esperanto facila: La Fabelo de la neĝviro. — La subprefekto en la kamparo. — Krakovo. — La Ofero (daŭrigo). — XIIIaj Floraj Ludoj. — Diversaj informoj. — Spritaĵoj. — Bibliografio.

**JARA ABONPREZO: Fr. 12,50**
**EKSTERLANDE: Fr. sv. 2.50**

ANTVERPENO
1926

12a JARO. N-ros 10-11 (140-141) OKTOBRO-NOVEMBRO 1926.


# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*



| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543 74 | Poŝtĉeko No 39984. |


*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## FESTKOMITATO FRANS SCHOOFS

En la monato de Januaro, proks. unu el niaj plej viglaj Ligaj grupoj, ekzistos, dum 20 jaroj, nome la Antverpena grupo «La Verda Stelo».

Kompreneble ĝi festos tiun datrevenon kun iom da soleno.

Sed la jubileo pri kiu temas, ne estas nur grupa. Sammomente, la direktoro de nia revuo, nia simpatia kaj tiom sindonema samideano kaj amiko, S-ro Frans Schoofs, estos dum 20 jaroj prezidanto de la grupo, kiu li kun-starigis, kaj kies kusojn, li senlace dum 20 jaroj gvidis.

Speciala Festkomitato Frans Schoofs stariĝis, kiu organizos dum du sinsekvantaj tagoj, jenajn festojn:

Sabate, la 8an de Januaro, okazos je la 8a, granda art-koncerto, kun festkunsido, dum kiu la organizantoj gratulos la jubileulon.

Dimanĉe, la 9an de Januaro, okazos je la 3a, festeno je l'honoro de la jubileulo, kaj je la 8-a granda dancfesto.

Mi ne dubas, ke ne nur ĉiuj membroj de la «La Verda Stelo» sed ankaŭ ĉiuj anoj de la aliaj grupoj kiuj neniam vane faris alvokon, por la kunhelpo de nia bona samideano, aliĝos al tiuj festoj.

Dum la sekvantaj tagoj, la aliĝoj do certe alvenos multnombraj al la organizantoj. La kosto de la aliĝo al la festoj estas 10 frankoj, kun festeno 35 frankoj,kiujn oni sendu al poŝtĉekkonto 1700.10 de Sro Maur. Jaumotte, ĵurnalisto, Hoboken. Leteroj pri tiu afero estas sendotaj al F-ino Jeanne Van Bockel, sekretariino de «La Verda Stelo» kaj de la speciala komitato, 123, Bredastraat, Antverpeno.

LA REDAKTORARO.

# PRINCO LEOPOLD-PRINCINO ASTRID

## LE EDZIĜO DE NIA HONORA PREZIDANTO.

La tuta lando sincer-ĝoje festis la geedziĝon de Lia Princa Moŝto Leopold de Belgujo kun Ŝia Princina Moŝto Astrid de Svedujo.

La Gazetaro unuanime konstatis la eksterordinare varman entuziasmon per kiu la Belga Popolo akceptis la Neĝoprincinon, kiam ŝi ĉe la brako de sia ĉarma Princo, faris sian triumfan eniron en nia komerca metropolo Antverpeno kaj en nia ĉefurbo Bruselo.

Estu permesate al ni, esprimi ĉi tie, je la nomo de «Belga Ligo Esperantista» kaj je la nomo de «Belga Esperantisto», niajn modestajn sed plej vivajn gratulojn al la junaj geedzoj. Al tiuj gratuloj ni aldonas niajn plej korajn bondezirojn por ke plej serena feliĉo estu ilia sorto.

# BABILADO

De la fino de l'mondmilito, Esperanto ekhavis diversajn neordinarajn venkojn kiuj rimarkigis kaj altŝatigis ĝin en ĉiuj sferoj de la homa societo.

Ni ĉi-tie, ne devas rememorigi la famajn internaciajn konferencojn ĉu pedagogiajn, ĉu sciencajn, ĉu komercajn, ĉu radioamantajn en Genevo, Venecio kaj Parizo, nek la favoron de la scienculoj de l'Franca Instituto aŭ de la ĉefaj komercaj Ĉambroj de l'mondo, aŭ de la komercaj foiroj, nek fine ankaŭ la grandegan sukceson akiritan en la ne forgesinda plena kunsido de la 20a de Septembro 1924a de la Societo de la Nacioj, kiu tiel multe kaj grave efikis por la oficiala alpreno de nia lingvo kiel «klara» por la tutmonda telegrafa trafiko (decido de la internacia konferenco de l'tutmonda Unio Telegrafa en Parizo — Septembro-Oktobro 1925a): ĉio tio estas en ĉies memoro!

Sed tiuj gravaj venkoj bonvenigis Esperanton en aliaj medioj, kaj ni citu ĉi-tie unue la favoron al ĝi faritan de la kortego de Svedujo, de tiu Svedujo, kiu estas por tiel diri la klasika lando de nia movado, kun ĝia glora Esperanto-Klubo en Upsal! Efektive, ne nur Lia Reĝa Moŝto Gustavo la Va aŭdience akceptis la svedajn delegitojn al nia internacia kongreso en Hago (1920a), sed lia frato, Princo Karolo, Duko de Okcidenta Gotlando, sendis en 1918a sian gratulon al la anoj de la Kongreso de la Svedaj Esperantistoj en Goteborg, kaj antaŭ kelkaj monatoj lia filo, la juna Princo Karolo, frato de «nia» ĉarma Princino Astrid, brile sukcesis sian ekzamenon Esperantan en la liceo «Beskowska Skolan», en Stockholmo.

:-: :-:

Sub gvidado de la Brita Biblia Asocio, la tuta Biblio estas nun tradu-

kita en Esperanto: jen estas nova monumenta juvelo de nia internacia literaturo jam tiel riĉa.

Ne malpli grava estas la sciigo pri l'Kreado de informa Servado organizita de l'Internacia Instituto de intelekta kooperado ĉe la Societo de la Nacioj, laŭ la jam donita ekzemplo de l'Internacia Laboroficejo ĉe la sama Societo.

Tiu instituto ĵus eldonis broŝuron-programon en Esperanto pri sia agado kaj anoncis la eldonadon de aliaj tiaj broŝuroj en nia lingvo.

Jen estas la ĉefaj lastaj plej gravaj novaĵoj koncerne nian movadon. Oni vidas ke ĉi-tiu pli kaj pli eniĝas kaj prosperiĝas en altrangaj kaj oficialaj medioj intelektaj. Kia diferenco kaj kia progreso kompare kun la antaŭmilita tempo, kiam niaj samideanoj ĉie luktis mem kaj solaj per propraj fortoj, sen ia grava helpo aŭ apogo. Tamen la tiama senĉesa batalado kondukis al la nuna pli kaj pli favora situacio oficiala; ĝi estis la prepara, malluma, sendanka periodo de nia propagando, kaj al niaj tiamaj propagandintoj ni ŝuldas grandegan dankon! Nun la situacio vere «klariĝis», kaj la batalado fariĝas pli agrabla, la semado, pli fruktodona!

La ĵus aluditaj sukcesoj instigu nin ĉiuj al ĉiam pligrandiganta agemo! Ĉiuj kuraĝe kaj senhonte nun al la sankta tasko, ĉar la fincelo ja ekbrilas ĉiam pli helpe ĉe l'horizonto de l'Espero! Nun ni ja konscias pri la vereco de la paroloj de nia Majstro:

Eĉ guto malgranda, konstante frapante
Traboras la monton granitan.

Tial do, ni

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Iradu la vojon celitan

por ke

Ni paŝo post paŝo, post longa laboro
Atingu la celon en gloro!

L. COGEN.

---

# JUBILEA STATISTIKO

## ALVOKO AL LA TUTMONDA ESPERANTISTARO,

**al ĉiuj asocioj, grupoj, izolaj esperantistoj, havigi al nia movado por la «jubilea jaro 1927» nombradon de nia popolo en kompleta statistiko.**

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado petas respondon al tri ĉi subaj demandaroj, unu por la ĉiuspecaj grupoj, unu por la asocioj inter-kaj sennaciaj, naciaj, fakaj, unu por la izole vivantaj esperantistoj:

I.

**Demandaro por grupoj**

**(societoj, kluboj, rondoj kaj similaj)**

1 lando kaj landparto?

2. loko? (urbo aŭ vilaĝo?)

3. nomo de la grupo aŭ rondo?

4. al kiu organizajo la grupo apartenas? (nomu la organizajon!)

5. kiom da membroj via grupo havas je la fino de l'jaro 1926?

6. kiom da kursoj la grupo organizis

a) dum la jaro 1926 (enkalkulite la ĝis nun nefinitajn)

b) depost la starigo de la grupo entute?

7. ĉu en via loko ekzistas aliaj Esperantogrupoj? kaj kiuj? (demando nepre respondota pro la kontrolo, ĉu la statistikestro ricevis ĉiujn sciigojn el via loko)

8. kiom da esperantistoj en via loko ekzistas ekstergrupaj entute! (kalkulu singardeme! nepre ne taksu tro alte! Preferu noti ciferon pli malaltan, sed tute fidindan!)

9. ĉu via grupo

a) havas bibliotekon?

b) kun kiom da libroj?

10. tre preciza adreso de via grupo?

Subskribo de l' raportinto.

Raportante atentu jenajn punktojn:

a) Skribu tre legeble (ankaŭ la nomon de l' raportinto), se eble skribmaŝine. Skribu la nomojn de via urbo ktp. per latinaj literoj en via nacia lingvo (ne esperantigu la nomojn!)

b) Ne ripetu la demandojn, sed nur notu la ciferojn 1—10 kaj simple donu laŭ tiuj ciferoj la koncernajn respondojn aŭ sub 5, 6, 8, 9b nur ciferojn. Rezignu al ĉiuj aliaj notoj kaj specialaj komunikoj.

c) Uzu ĉiuj — por ke la materialo povu esti bone ordigata — la saman formaton de l' papero (la kutiman formaton de negociaj leteroj:) laŭlonge 28.5 cm (aŭ 11 in.), laŭlarĝe 22.5 cm (aŭ 9 in.).

d) Donu la respondojn en du ekzempleroj sur du paperoj, por ke la koncerna materialo post la fino de l' statistiko laboro povu esti sendata al la koncerna asocio, al kiu apartenas la grupo.

e) Sendu vian raporton en fermita letero, sufiĉe afrankite, al la adreso:

**D-ro Dietterle**

**Fakestro por Statistiko de I. C. K.**

**Leipzig W 31**

**Seumestrasse 10**

II.

Demandaro por asocioj (federacioj kaj similaj).

1. nomo de la asocio?
2. celo de la asocio?
3. nombro de la grupoj, kiuj apartenas al la asocio?
4. Kiom da personoj ampleksas ĉiuj asocioj grupoj entute? (inklusive la izole aliĝintaj).
5. ĉu via asocio eldonas oficialan gazeton? kiun?
6. ĉu via asocio eldonas oficialan lernolibron? kiun?
7. preciza adreso de via asocio?

Nur por naciaj asocioj:

8. kiom da lernolibroj aperis en via nacia lingvo?
9. kiom da lernolibroj (laŭ kalkulo de l' eldonistoj) estas venditaj ĝis hodiaŭ?
10. kiuj Esperantgazetoj aperas en via lando?

La ciferoj de la asocioj estos aliaj ol la sumigitaj ciferoj de la asociaj grupoj, ĉar la asocio nur povas respondi laŭ la stato de 1925; la grupoj raportos laŭ la stato de 1926. Tamen tiu vojo estas rekomendinda, ĉar oni povas kontroli la kreskon aŭ malkreskon de la asocio. Cetere la respondojn pri 4, 5, 6, 8, 9, 10 plej bone donos la asocioj.

:-: :-:

III.

Demandaro por izole vivantaj eperantistoj aj lokoj, en kiuj ne ekzistas grupoj:

1. lando?
2. loko?
3. nombra de la esperantistoj ? (ankaŭ ekzistas nur unu, li nepre respondu!)
4. ĉu en via lando en aliaj lokoj ekzistas esperantistoj? kaj kie?

Subskribo kun adreso.

La kalkulo de la izole vivantaj esperantistoj estas utila ne nur, ĉar ili estas tre gravaj personoj por la disvastigo de nia movado, sed ankaŭ ĉar estas tre grava afero, konstati, en kiom da lokoj en la mondo ekzistas anoj de nia movado.

:-: :-:

Laŭ la materialo ricevota la I.C.K. povas konstati:

en kiom da lokoj ekzistas esperantistoj kaj en kiuj?
en kiom da lokoj ezistas entute? kaj kie en la mondo?
kiom da grupoj ekzistas entute? kaj kie en la mondo?
kiom da grupoj ekzistas en la diversaj landoj?
kiom da esperantistoj ekzistas entute?
kiom en la diversaj landoj?
kiom da esperantistaj organizaĵoj ekzistas?
kiom da esperantistoj apartenas al organizaĵoj?

kiom da Esperanto-kursoj okazis dum la jaro 1926? kaj kiom dum la pasinta tempo entute?
kiom da grupoj havas bibliotekon?
kiom da libroj estas en tiuj bibliotekoj?
kiom da diversnaciaj lernolibroj ekzistas?
kiom estas venditaj? k. a. k. a.

:-: :-:

Ĉiuj grupoj, asocioj, izolaj esperantistoj tuj, post kiam ili sciiĝis per ĉi tiu artikolo pri la tutmonda statistiko, klopodu forsendi la respondojn kiel eble plej baldaŭ. Ju pli baldaŭ la ordiga laboro povas esti komencata, des pli granda estas la garantio, ke la resuma statistika raporto povas aperi ĝustatempe. El malproksimaj, transoceanaj landoj la respondoj ja venos nur post kelkaj monatoj. La esperantistoj en Eŭropo ne rigardu tiun fakton kiel pretekston por prokrasti sian respondon. Alie ni ne atingos nian celon por 1927.

Rememoru ankaŭ tion, ke ekzistas samlingvanaj kaj tutaj grupoj, kiuj bedaŭrinde ne legas Esperanto-gazetojn.Konante tiajn, atentigu ilin pri la statistiko kaj ilia devo. Kie grupestro ne estas sufiĉe laborema, la grupanoj mem kontrolu, ĉu li forsendis sian raporton kaj insiste postulu tion.

:-: :-:

La Estraro de Belga Ligo Esperantista petas insiste, ke la Belgaj samideanoj kaj organizaĵoj respondu la alvokon de Sro D-ro Dietterle, kiu tiom sindone laboras jam multaj jaroj al la starigo de fidinda statistiko.

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — Dum la kunveno de la 31a de Julio, S-ro Vermuyten paroladis pri du famaj flandraj mezepokuloj, nome van Maerlant kaj van Ruusbroec kaj antaŭlegis tradukitajn fragmentojn el ilia verkaro. La sekvantan tagon, dimanĉe, la grupo ekskursis al Meĥleno, kie ili renkontis la tieajn samideanojn kaj kune pasigis bonegan tagon.

En Aŭgusto, la sabataj kunvenoj de la grupo okazis regule, malgraŭ la fakto, ke multaj membroj libertempis aŭ vojaĝis. La 21an, S-ro Boeren raportis pri sia vojaĝo al Londono. La 4an de Septembro, okazis la monata ĝenerala kunveno. Multaj membroj ĉeestis kaj viveca estis la atmosfero, kiu regis dum la tuta vespero.

La 18an, S-ro Sehede, rakontis sian vojaĝon en Francujo kaj donis interesajn detalojn pri la kasteloj en Touraine, kiujn li vizitis.

Dimanĉe, la 19an, la Verd'stelanoj, profitante de eksterordinare belan kaj varman veteron,iris ŝipe al Temsche.La tieaj, malnovaj esperantistoj

ilin bonege akceptis. La grupo renkontiĝis ankaŭ kun samideanoj el Bruselo kaj St. Niklaas kaj la programo de la agrabla tago finiĝis per kelkaj bierpotoj, kiujn la samideanaro eltrinkis en la Verd'stelana klubejo.

La 2an de Oktobro, okazis la ĝenerala kunveno. La prezidanto anoncis la malfermon de la vintraj kursoj la 26an kaj 28an de Oktobro. — Krom la kvar kutimaj kursoj per flandra lingvo, la grupo faros eksperimenton, anoncante kursojn per aliaj lingvoj, speciale por veki intereson pri nia lingvo inter la multnombraj fremduloj, kiuj loĝas en la belga havenurbo. Proksiman monaton ni raportos pri la rezultato de tiu eksperimento.

**Oficialaj kursoj de la urbo.** — La 4an de oktobro komenciĝis la vesperkursoj de la urbo, inter kiuj denove estis anoncitaj la Esperanto-kursoj. La «A. P. P. K.» organizis specialan propagandon por tiuj kursoj, gluigante afiŝojn sur la muroj de la urbo kaj disdonante multajn milojn da prospektoj. Trideko da novaj lernantoj sin prezentis al la kursoj unuajaraj.

Entute okazas nun 4 kursoj (2 de la unua kaj 2 de la 2a jaro) kun sume 58 lernantoj. La profesoroj estas F-ino Geers, S-roj Broeckhove, Karnas kaj Vereeck.

**«Polica Grupo».** — Tiu agema grupo faris viglan propagandon en la polica mezo kaj malfermis kurson la 4an kaj 6an de novembro por 25 novaj lernantoj. Gratulojn tutkorajn al la organizintoj! La kurson gvidas nia bona amiko S-ro Willy De Schutter.

**Inter la knabo-skoltoj.** — Nia bona amiko J. Van Gulck daŭrigas sian senlacan, paciencan laboradon por Esperanto inter la knaboskoltoj de nia lando. — Ni eksciis, ke ankaŭ S-ro C. J. Janssens, membro de «La Verda Stelo» entreprenis kurson por kelkaj skoltoj, kiuj esprimis la deziron lerni nian lingvon.

**La socialista Esperanta grupo «Nia Ideo»**, filio en Antverpeno de «S. A. T.» organizis la 24an de Oktobro proletaran festvesperon en la Popoldomo de Hoboken. Kunlaboris en la organizo de la festo la grupo «Nia Ago» de Hoboken.

BRUSELO. — La 4an de Oktobro la grupo elektis novan komitaton, kiu ageme laboras sub la energia gvidado de ĝia prezidanto S-ro D-ro Kempeneers kaj de F-ino Obozinski, Sekretariino, S-roj La Gravière, Kasisto, S-ro Bas, bibliotekisto, kaj Inĝeniero Somerling, kursgvidanto. Pro personaj motivoj F-ino Jennen kaj S-ro Mathieux rezignis siajn funkciojn de Prezidantino kaj Vicprezidanto; «Belga Ligo» esprimas al ili sian dankemon pro la multnombraj servoj de ili faritaj al nia afero dum tre longa periodo!

La 11an de Oktobro, la nova komitato faris la «ministran deklaron» Ĝi atestas pri multe da optimismo unua signo de sukceso.

La kursoj komenciĝis merkredon 10an de novembro. Ili estis enkondukataj de publika franclingva parolado de S-ro Cogen (8-12-26).

**Ekskurso al Boitsfort la 1an de novembro.** — «Pro la pluvego de la antaŭaj tagoj, ŝajnis preskaŭ neeble, ke ni povus efektivigi la intencitan ekskurson. Tamen, en nia lando, same kiel en multaj aliaj, oni ne povas kalkuli je la vetero. Do, anstataŭ esti vekitaj de pluvego, ni kontraŭe vidis la belegan sunveteron, kvazaŭ ĉiuj sanktuloj estis favoraj al ni. Kunveninte je la 14a, kaj post tramveturo al Boitsfort, ni promenadis tra la vere belega arbaro. Kia mirinda loko, eĉ je la komenco de novembro! Dum el la urboj la arboj estas jam senfoliaj, en la arbaro, cetere jam kovrita per granda kvanto da falintaj folioj sur kiuj oni marŝas kvazaŭ sur tapiŝo, ili ankoraŭ portas densan foliaron. La malgrandaj riveretoj tute sekaj dum somero, nun, post la pluvego, trafluas la arbaron tiel rapide kiel ili povas, por pli poste sin ĵeti en siajn pli grandajn fratojn, kiuj siavice klopodas subakvigi kampojn kaj urbojn! Kaj la aspektoj sur montetoj, kisataj de la suno; la kolorŝanĝoj dum la suno kuŝiĝas, faras vere grandan impreson sur nin. Du, tri horoj tiel forflugas, oni jam iomete malsatas, kaj tuj, apud lageto sur kiu gaje naĝas diversaj agvobirdoj kaj sur kies bordo ankoraŭ staras fiŝkapt-int-ant kaj ontoj, jam troviĝis «ruĝa abatejo» en kiu tamen ne plu loĝas abatoj sed kie kelnero demandas al ni «kion vi deziras»?

Nu, kion ni dezirus se ne estas «café-cramique»? Post interparolado kun gesamideanoj en la kafejo (vi vidas, ke eĉ la ebleco ekzistas dumvoje renkonti esperantistojn!) ni eniras tramon, kiu kondukas nin al la urbo; la vere bela ekskurso estas finita! Ke ni baldaŭ havu denove tian agrablan promenadon estas la deziro de

«Unu el la partoprenintoj.» »

**Esperanta kurso en «Institut Sténographique».** — Dank'al siaj klopodoj D-ro Kempeneers, nia vigla propagandisto, sukcesis malfermi esperantan kurson en «Institut Sténographique».

**Novaj grupoj.** — D-ro Kempeneers, ĉiam li! starigis novan fakan grupon: «Belga Medicina Esperanto Societo» kiu ageme propagandas en sia tre interesa mezo.

En Forest-Bruselo fondiĝis ankaŭ «Junula Klubo». Ambaŭ grupoj baldaŭ aliĝos al «eBlga Ligo», kiu deziras al ili plej longan kaj prosperan vivadon!

BRUĜO. — La 26an de oktobro nia lerta Samideano inĝeniero Paul Nyssens, direktoro de «Instituto pri Homa Kulturo» en Bruselo, faris al la «Bruĝa Grupo» tre interesan paroladon pri «Karaktero». En bona Esperanto perfekte elparolita, li klarigis kio estas karaktero, kial oni devas havi karakteron kaj kiel oni povas igi ĝin pli bona kaj forta por sukcesi en la vivo kaj esti feliĉa. Li atentigis precipe pri la praktikeco en ĉio.

S-ro Petiau, Ĝenerala Sekretario de B. L. E., kiu ĉeestis la paroladon, tre varme dankis S-ron Nyssens pro lia bona propaganda laboro por nia afero. Li atentigis la ĉeestantaron pri la nepra neceseco por la esperantistaro praktike labori se ĝi volas fine sukcesi.

Du Anglaj Samideanoj trapasantaj Bruĝon ĉeestis tiun tre instruigan paroladon.

La Ian de novembro aro da anoj kun la grupa flago partoprenis la ĉiujaran pilgrimon al la tomboj de la herooj de la terura milito.

GENTO. — Je la fino de septembro «Genta Grupo Esperantista» aranĝis tre belan esperantan fakon en la ekspozicio de la «Genta Radio-Klubo»; La 23an de oktobro ĝi organizis tre bone sukcesintan artan feston. Nova kurso malfermiĝis por aro da bonaj gelernantoj kiuj fariĝis ĉiuj membroj de la grupo kun abono al «Belga Esperantisto».

MEĤLENO. — Post bona parolado de nia amiko De Ketelaere, el Antverpeno, la Meĥlena grupo malfermis kurson por 21 novaj gelernantoj.

LA PANNE. — La 7an de novembro nia malnova kaj lerta Samideano el St. Omer, S-ro Deligny faris pri Esperanto tre interesan paroladon kun lumbildoj, kiu vekis entuziasmon. Li parolis pri nia movado dum la lastaj jaroj kaj pri la utileco de Esperanto por la marurboj. Li certigis, ke multaj francaj Samideanoj vizitos, proksiman jaron dum la libertempo, La Panne, la plej bela el la marurboj! La urbestro, S-ro d'Arippe, ĉeestis la paroladon de S-ro Deligny.

Multaj ĉeestintoj enskribigis sin por la nova kurso kiu komenciĝis la 12an de novembro, kaj kiun donos S-ro P. Benoit.

VERVIERS. — Laŭ decido de la urba konsilantaro, la monhelpo por la oficiala kurso de la 4a grado, kiu estis ĝis nun 500 fr. estas pli altigita ĝis 750 fr.

---

## GRAVA SUKCESO POR ESPERANTO ĈE "RADIO-BELGIQUE"

Post pacienca laboro de S-ro Pinart, amiko de Esperanto el Bruselo, kaj de niaj bonaj propagandistoj S-roj Kempeneers kaj Bas, «Belga Ligo» sukcesis fari kontrakton kun la societo «Radio-Belgique», el Bruselo, laŭ kiu Esperanto-kurso estos disaŭdigata je l'komenco de januaro.

Tiu kurso konsistos el 10 lecionoj donotaj en franca lingvo de «Radio-Belgique» el Brueslo kaj el 10 lecionoj en flandra lingvo dissendota de «Radio-Zoologie» el Antverpeno.

S-roj Somerling el Bruselo kaj Jaumotte el Antverpeno bonvolis akcepti la gvidadon de tiuj gravaj kursojn kiujn ili zorge preparas. Komence de la 15a de Januaro, tiuj kursoj okazos ĉiusabate, de 21.30 ĝis 21.45. Ni devas fari grandan propagandon por konigi ilin al la Radio-amatoroj, kaj instigi ilin sekvi tiujn kursojn por kiuj oni uzos la libron «Esperanto en 10 Lecionoj» haveblan en franca kaj flandra lingvoj ĉe «Belga Esperanto-Instituto», Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno.

Sed, tiu Radio-kurso kostos al nia Ligo gravan sumon, kiun ĝi ne posedas!

Por ebligi la efektiviĝon de tiu tre grava propagandilo, ni faras var-

man alvokon al la malavereco de ĉiuj grupoj kaj izolaj Samideanoj. Se ĉiu volas oferdoni eĉ malgrandan sumon la afero estos tuj solvita!

Ni sendu senprokraste nian donacon al la ĉekkonto No 399.84 de nia Liga Kasisto S-ro Fernand Mathieux, 94, Avenue Bel-Air, Uccle, sub la rubriko: «Por la Radio-Kurso».

**Temas pri gravega propagando, ne prokrastu!**

H. P.

# DANKON

La Genta Grupo Esperantista, kiu neniam preterlasis okazon por montri sian sindonemon al nia nacia organizaĵo, kaj por helpi al la klopodoj de nia belga centro esperantista (ne per belaj paroloj sed per agoj) ree faris notindan geston: el la profito de sia lasta festo ĝi ree donacis al Belga Ligo Esperantista sumon de 500 frankoj! Ni scias, ke niaj amikoj de Gento estas modestaj laborantoj, kiuj ne ŝatas, ke oni tro parolu pri ili, ni tamen ne volis ne mencii ilian novan pruvon de subteno al nia komuna laborado.

# GRATULOJ

Al S-roj Polickomisaroj D. SIMONS kaj WARLOP, kiuj estas nomitaj kavaliroj en la Ordeno de la Krono.

Al Sro Gustave Faes, patro de Ges-roj Faes-Jaenssens, membroj de «La Verda Stelo», kiu festis la 50an datrevenon de la muzik-eldona firmo de li fondita en 1876.

# NEKROLOGO

S-ro THEOPHILE CAMILLE DEBOUCK, bopatro de nia simpatia amiko S-ro Paul Benoit, Oostduinkerke, mortis la unuan de Novembro. Al Gesinjoroj Benoit kaj al S-ino V-ino Debouck ni prezentas niajn sincerajn kondolencesprimojn.

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

Niaj legantoj scias, ke «Belga Ligo Esperantista» havas gazetaran servon, kiu informas la nacilingvajn gazetojn pri ĉiuj notindaj progresoj kaj venkoj de Esperanto. Ĝis nun ni tute detale raportis pri la artikoletoj aperintaj en la gazetoj. Tre ofte tamen oni rimarkigis, ke la de ni uzata kroniko estas iom teda kaj spacoperdiga. Ne estas ja tiom grave scii, per dekfoje ripetita frazo, ke dek gazetoj publikigis iun aŭ alian noton. La ĉefa afero estas, ke ni havu ideon pri la produkto de nia semlaboro, sekve ke ni havu raporton pri la nombro de gazetoj, kiuj presis ion pri Esperanto.

Ekzameninte la demandon, ni decidis ŝangi la sistemon kaj simple pu-

blikigi ĉiumonate la «ciferan statistikon» de la notoj pri Esperanto aperintaj en la Belga Gazetaro.

Jen nia unua tabelo pri la pasintaj monatoj:

En majo, junio, julia, aŭgusto, septembro aperis 101 notoj en 43 gazetoj de 14 lokoj:

| | Majo | Junio | Julio | Aŭgusto | Septembre | | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| En franca lingvo: | 18 | 4 | 10 | 14 | 4 | : | 50 |
| En flandra lingvo | 18 | 8 | 10 | 6 | 9 | : | 51 |
| | 36 | 12 | 20 | 20 | 13 | : | 101 |

Inter la notitaj publikaĵoj estas speciale citotaj: la kurso de Esperanto de S-ro Somerling en «Gids voor Model Mekanieker», la propagandaj artikoloj de Sro Cogen en «Revue Sténographique Belge» kaj la artikoloj de Sro P. Kempeneers en «Bruxelles-Médical».

---

Niaj legantoj tamen ne pensu, ke la ĉi supraj ciferoj estas la fidela spegulo de ĉio kio aperis en Belgujo pri Esperanto. Tute ne! Ili estas la sumo de tiuj artikoloj, kiujn kelkaj bonvolaj samideanoj sendis al ni; tre certe, ni ne ricevis ĉiujn aperintajn notojn. — Jam tre ofte ni petis, ke la esperantistoj havigu al ni la koncernajn eltranĉaĵojn el la gazetoj, kiujn ili legas. Plej bona maniero por tion fari estas: eltranĉi la noton, ĝin glui sur postkartforma kartono kaj tion poŝte transsendi al nia redakcio kiel «presaĵo» kun afranko de 5 centimoj. La servo, kiun ni petas fari, estas do nek malfacila nek multekosta, sed por ni tre valora.

Ni tre esperas, ke nia alvoko trovos multajn respondantojn. Precipe ne timu «ke ni certe jam ricevis tiun noton, ĉar alia sendube jam sendis»; plibone estas, ke ni havu dek ekzemplerojn de la presita teksto ol neniun!

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## BELGA TERITORIO.

Antverpeno, la 29an de Oktobro 1926a.

**Aliĝo por 1927.**

Konsiderante la nunan situacion de nia mono, la Komitato de UEA. devos enkonduki gravan plialtigon de la kotizo de la belgaj membroj. Ĝi provizore konsentas la ĝisnunajn kotizojn: Membro: Bfr. 12.—; M-Abonanto: **Bfr. 30.— al tiuj membroj (malnovaj kaj novaj)**, kiuj pagos antaŭ la 1a de Februaro 1927. (Kotizo de membro - subtenanto restas Fr. SV. 25 : Bfr. 175.—).

Ni tre esperas, ke vi volos kompreni vian devon al la granda Universala Asocio kiu praktike uzas Esperanton, kaj ke vi volos membriĝi, tiamaniere profitante la ĉi suprajn kondiĉojn vere tre favorajn.

Bonvolu pagi kiel eble plej baldaŭ vian kotizon 1927 al la Delegito aŭ Vicdelegito en via loko. Se via delegito havas poŝtĉekkonton, ni tre konsilas al vi, pagu per tiu praktika kaj oportuna servo.

---

Dum la lastaj jaroj nia lando partoprenis en UEA. kun jenaj membroj: 1921—67; 1922—74; 1923—77; 1924—83; 1925—160; 1926—190. Dank'al la nun konsentitaj kotizoj ni devus atingi por 1927 ciferon de 300!

Ni ne dubas, ke vi volos kunlabori kun ni, por atingi tiun rezulton.

---

Esperante, ke vi — per senprokrasta plenumo de nia peto — faciligos nian administran laboron kaj tiun de la Centra Oficejo en Genève, ni salutas vin, Estimataj samideanoj, plej sincere.

Le ĉefdelegito,
FR. SCHOOFS,
Kleine Hondstraat, 11. — Rue du Petit Chien, 11.
ANTVERPENO. — Poŝtĉeko 284.20.

# MI KONAS KANTON.

**Paroloj de Th. Antheunis.** **Muziko de Willem De Mol.**

**(Flandra popolkanto.)**

---

Mi konas kanton de la kor',
Ĝi estas rava melodi'
Dum l'infanec' ĝin kantis mi
Dum tempo longe for.
Ĝin kantis kore la patrin'
Por la unua fil'
Ŝi ja belege kantis ĝin
La kanton de l'luli'
Patrinaj zorgoj! Kant' de l'patrin'
Mi ne forgesos vin.

---

Mi konas kanton de la kor',
Ĝi estas rava melodi'
Dum junulec' ĝin aŭdis mi
Dum tempo longe for.
Ĝin kantis blonda virgulin'
Dum ŝin ekamis mi
Kaj en printempa la sunlum'
Promenis kune ni.
Juneco, amo! O rozfoli'
Tuj velkas, mortas vi.

Mi konas kanton de la kor'
Ĝi estis ama melodi'
Ĝin kantis mia famili'
Dum tempo longe for.
Neniu nune kantas ĝin
Por la maljuna vir!
L'edzino ne forkisas plu
La larmojn de delir'
Infan' la kanton kantas ne
Mi estas sola, Ve!

El flandra lingvo tradukis,
PROGRESANO.

---

# ESPERANTO FACILA

## LA FABELO DE LA NEĜVIRO.

Jakobo kaj Johanino loXis ĉe sia malriéa, malsana Patrino en malgranda domo. Ilia Patro jam de longe estis mortinta kaj nun vi komprenos facile, ke la infanoj havis nemulte por manĝi. Kelkfoje la najbaroj donis kaserolon da supo aŭ dikan buterpanon kaj alportis duon da ovoj por la malsana virino.

Estis Kristnaska nokto!

La malsana patrino dormis kviete kaj Jakobo kaj Johanjo sonĝis pri la bona Kristnaska Viro. Tiu ĉi portus nunan nokton multon, multevolonte al la aliaj infanoj.

Subite iu ekfrapis ĉe la vitro de la dormĉambreto de la infanoj. Jakobo tuj ekvekiĝis. Li aŭskultis iomete kaj tiam li aŭdis ree la frapadon ĉe la vitroj. Li elsaltis sian liton kaj kuris al la fenestro. He! kiu staris tie? Neĝviro!

«Bonan nokton, Jakobo, ĉu vi iras kun mi al la arbaro?»

«O, mi rekonas vin, vi estas mia neĝviro. Mi faris vin tiun posttagmezon kun mia fratino. Ne, mi ne riskas kuniri, se Patrino foje ekvekiĝus kaj min vokus.»

«Tio ne okazos, Jakobo. Metu tiun branĉon sur ŝian liton kaj ŝi daŭrigos kviete sian dormadon.»

Jakobo nebone sciis kion fari. Ĉu li povus forlasi sian malsanan Patrinon? La neĝviro daŭre petis sekvi lin kaj finfine la knabo vekis sian fratinon kaj ili vestis sin. Jakobo metis la branĉon sur la liton de Panjo. Ŝi dormis kun rideto je la buŝo.

Nia trio ekmarŝis al la arbaro.

«Aŭskultu, infanoj, ne kuru tro rapide. Vi faris miajn krurojn tiel mallongajn kaj mi kapablas fari nur malgrandajn paŝojn.»

Sonis la dekdua sur la turo. Kia bela muziko en la senbrua nokto!

Kiam ili kuris apud la bestejoj de la farmejo, niaj infanoj aŭdis paroli la ĉevalojn kaj la bovinojn. Ili diris nemulte da bono pri la homoj, ĉar ili plendis pri maldolĉaj batoj.

«Jes, jes, diris la neĝviro, dum Krisnaska nokto la bestoj kapablas ankaŭ paroli. Aŭskultu, tie parolas la granda hundo de kampanaro Neel kun la kato de la pastro.»

La infanoj miris ege pri tio, sed kiam ili alvenis en la arbaro ili estis en vera sorĉlando. La arboj rakontis pri la kara suno, pri la milda pluvo, pri la dolĉa vento. La birdetoj kantis siajn plej belajn kantetojn kaj sur la tero la vulpo kuris apud la kuniklo kaj ĝi ne malutilis ĝin. Ĉiuj bestoj estis nun amikoj.

Ju pli profunde en la arbaro, des pli bele! Miloj da floroj ekrigardis el la neĝo. Ili odoris tiel bone kaj iliaj viglaj koloroj havis tiel belan efekton sur ĉiu tiu blankeco.

«O, Neĝviro, jen brilas la suno!» kriis Johanino.

— Ne, knabino, tie sidas la bona Kristnaka Viro kaj ni iras nun al li.

Kiom da lumo kaj kiom da floroj kaj bonodoroj. Sur benko sidis la Kristnaska Viro en sia dika peltpalto. Anĝeloj flugis ĉirkaŭ li, parolis al li kaj malaperis tiam en la klara aero plena je steloj. La infanoj rigardis kaj diris: «Kiel mirige bele!»

— Nu, Neĝviro, kiun vi kondukas al mi? demandis la Kristnaska Viro.

— Potenca Reĝo: Jakobon kaj Johaninon. Ili estas tiel saĝaj kaj tiel malriĉaj.

— Venu apud mi, karaj infanoj. Kion povas mi fari por vi? Kion volas vi? Pripensu tre bone, ĉar nur unu deziron povas plenumi.

Jakobo silentis iom kaj diris tiam:

— Bona Kristnaskviro, resanigu mian karan patrinon.

— Kaj vi, kara knabino?

— Tion dezirus ankaŭ mi, Kristnaskviro.

— Kaj vi vere dezirus nenion alian.

— Ne, ne! diris ambaŭ la infanoj.

— Deŝiru tiun ruĝan floron, Jakobo, kaj metu ĝin en la dekstran manon de via patrino kaj vi vidos. Foriru nun, infanoj.

La neĝviro iris kun Jakobo kaj Johanino ĝis la rando de la arbaro kaj tie li donis al la knabino tri grandajn neĝbulojn.

— Kunprenu ilin, Johanino, tiam ankaŭ vi povos festi Kristnaskon. Mi reiras en la arbaron. Rakontu al neniu, infanoj, tion, kion vi vidis kaj ricevis tiun ĉi nokton.

Kiam Jakobo kaj Johanino revenis hejmen, ili iris sur la piedfingroj apud Panjo. Ŝi dormis ankoraŭ kviete. Jakobo metis dolĉe la floron en ŝian dekstran manon kaj Johanino metis siajn tri neĝbulojn sur la tablon. Tiam ili iris en sian liton. Dormi ili ne plu kapablis. Iliaj kapetoj estis ankoraŭ plenaj je ĉiuj belaĵoj, kiujn ili vidis en la arbaro.

Kiam la koko kriis, ili leviĝis. Dikaj neĝflokoj falis el la aero kaj blankigis ankoraŭ pli ol hieraŭ la teron. La infanoj iris apud Panjo. La ruĝa floro ŝanĝis en orpecon. Panjo ridis feliĉe.

«Karaj infanoj, mi ne plu sentas doloron ; mi volas leviĝi. Jakobo serĉu branĉfaskon el la garbejo kaj ekbruligu la fajron. Metu kune tiun ĉi branĉon, hodiaŭ devas esti varme en nia ĉambreto. O, tiuj bravaj najbaroj; ili metis tiun ĉi nokton tiun oran moneron en mian manon kaj sur la tablon tri grandajn, arĝentajn monerojn. Vidu nur; nun ankaŭ ni povas festi la Kristnaskon.

Johanino estis tiel ema rakonti, kion ŝi vidis kaj ricevis, sed ŝi devis silenti. Kiel gajaj estis ambaŭ la infanoj, nun kiam ilia Panjo ree estis sana!

En la fajrujo brulis agrabla fajro kaj kian varmecon donis la branĉo de la neĝviro. Kaj nun vi ankaŭ jam scios, kio fariĝis el la tri neĝbuloj. Jakobo kuris al la vilaĝo kaj aĉetis tie varmajn vestaĵojn por ĉiuj tri.

Kiel feliĉa estis la Kristnaska tago!

El la flandra originalo «Binnen en Buiten»,
de Fons Van Hoof, tradukis
WILLY DE SCHUTTER.

---

# LA SUBPREFEKTO EN LA KAMPARO

el «LETTRES DE MON MOULIN», Alphonse Daudet.

Sro la subprefekto faras sian inspekton. Veturigisto antaŭe,lakeo malantaŭe,la kaleŝo de la suprefektejo veturigas lin majeste al la loka konkurso de Combe-aux-Fées.Okaze de tiu memorinda tago, Sro la subprefekto surmetis sian belan, broditan veston,sian malgrandan klakĉapelon, sian ĝustegfaritan duonpantalonon kun la arĝentaj strioj kaj sian paradglavon kun perlamota tenilo... Sur liaj genuoj ripozas granda, grajnoleda paperujo, kiun li malgaje rigardas.

Sro la subprefekto rigardas malgaje sian grajnoledan paperujon; li revas pri la fama parolado, kiun li estas baldaŭ dironta al la loĝantoj de Combe-aux-Fées.

— Sinjoroj kaj karaj administratoj......

Sed,li vane turmentas la blondan silkaĵon de siaj vangharoj kaj ripetas dudek fojojn sinsekve:

— Sinjoroj kaj karaj administratoj...... la sekvo de la parolado ne venas.

La sekvo de la parolado ne venas. Estas tiel varmege en tiu kaleŝo!... Ĝis nevidebleco, la vojo de la Combe-aux-Fées polviĝas sub la suda suno... La aero brulegas... kaj sur la ulmetoj je la vojbordo, tute kovritaj per polvo blanka, miloj da cikadoj interrespondas de unu arbo al la

alia... Subite, Sro la subprefekto ektremas. Tie, malsupre de monteto, li ĵus ekvidas arbareton de verdaj kverkoj, kiu ŝajnas fari signon al li. La arbareto de verdaj kverkoj ŝajnas fari signon al li:

— Venu do tien ĉi, Sinjoro la subprefekto; por verki vian paroladon, vi estos multe pli bone sub miaj arboj.

S-ro la subprefekto estas allogita; li saltas de l' kaleŝo kaj diras al siaj servantoj, ke ili atendu lin, ĉar li kunmetos sian paroladon en la arbareto de verdaj kverkoj.

En la arbareto de verdaj kverkoj estas birdoj, violetoj kaj fontoj sub la herbo dolĉa... Kiam ili estis ekvidintaj Sron la subprefekton kun lia bela duonpantalono kaj lia grajnoleda paperujo, la birdoj ektimis kaj haltis sian kantadon, la fontoj ne plu kuraĝis bruegi kaj la violetoj sin kaŝis en la herbo... Tiu-ĉi eta mondo neniam vidis subprefekton kaj sin demandas mallaŭtvoĉe, kiu estas tiu bela sinjoro, kiu promenas en arĝenta pantalono.

Mallaŭtvoĉe, sub la foliaro, oni al si demandas, kiu estas tiu bela sinjoro en arĝenta pantalono... Dume, Sro la subprefekto, ravita de la silento kaj freŝeco de l'arbaro, relevas la baskojn de sia frako, metas sian klakĉapelon sur la herbon kaj sidiĝas sur la muskon, sub juna kverko; poste, li malfermas sur siaj genuoj sian grandan, grajnoledan paperujon kaj eltiras el ĝi grandformatan folion de papero.

— Estas artisto! diras la silvio.

— Ne, diras la pirolo, ne estas artisto, ĉar li havas arĝentan pantalonon; estas pliĝuste princo.

Estas pliĝuste princo, diras la pirolo.

— Nek artisto, nek princo, interrompas maljuna najtingalo, kiu kantis tutan sezonon en la ĝardenoj de la subprefektejo... Mi scias kio tio estas: tio estas subprefekto!

Kaj tute la arbareto flustradas:

— Estas subprefekto! Estas subprefekto!

— Kiel senhara li estas! rimarkigas alaŭdo kun granda plumtufo.

La violetoj demandas:

— Ĉu tio estas malica?

— Ĉu tio estas malica? demandas la violetoj.

La maljuna najtingalo respondas:

— Tute ne!

Kaj post tiu aserto, la birdoj komencas kantadi, la fontoj kuradi, la violetoj agrable bonodori, kvazaŭ la sinjoro ne estus tie... Indiferente, meze de ĉi tiu ĉarma bruado, Sro la subprefekto alvokas en sia koro la Muzon de la kampkulturaj kongresetoj, kaj, la krajono levita, ekdeklamas per voĉo ceremonia:

— Sinjoroj kaj karaj administratoj...

— Sinjoroj kaj karaj adminstratoj, diras la subprefekto per sia voĉo ceremonia.

Interrompas lin rideksplodo; li sin turnas kaj vidas nur pegon, kiu rigardas lin ridante, altelokita sur la klakĉapelo. La subprefekto ekle-

vetas la ŝultrojn kaj volas daŭrigi sian paroladon, sed la pego interrompas lin ankoraŭ kaj de malproksime vokas al li:

— Por kio taŭgas?

— Kiel! por kio taŭgas? diras la subprefekto, kiu tute ruĝiĝas; kaj, ĉasante per gesto tiun senhonte malrespektan beston, li daŭrigas ankoraŭ pli forte:

— Sinjoroj kaj karaj adminitstratoj...

— Sinjoroj kaj karaj administratoj, daŭrigis la subprefekto ankoraŭ pli forte.

Sed, jen estas la violetoj, kiuj sin plialtigas al li, sur l'ekstremo de siaj stangetoj kaj kiuj diras dolĉe:

— Sinjoro la subprefekto, ĉu vi flaras kiel ni bonodoras?

Kaj la fontoj sub la musko aŭdigas al li dian muzikon, kaj en la brançoj, super lia kapo, amasoj da silvioj kantas siajn plej ĉarmajn ariojn, kaj la tuta arbareto konspiras por malhelpi al li kunmeti lian paroladon.

La tuta arbareto konspiras por malhelpi al li kunmeti lian paroladon... Sro la subprefekto, ebriigita per bonodoroj, ekzaltita per muziko, vane penas rezisti al la nova ĉarmo, kiu envadas lin.

Li kubutapogas sin en la herbo, malagrafas sian belan veston, balbutas ankoraŭ du aŭ tri fojojn:

— Sinjoroj kaj karaj administratoj... Sinjoroj kaj karaj admi...... Sinjoroj kaj karaj......

Tiam, li sendas la administratojn al diablo, kaj la Muzo de la kampkulturaj kunvenoj povas nur vuali sian vizaĝon.

— Vualu vian vizaĝon, o Muzo de la kampkulturaj kunvenoj...

Kiam, post unu horo, la servantoj de la subprefektejo, maltrankviligitaj pri sia majstro, eniris la arbareton, ili vidis spektaklon, kiu igis ilin paŝi malantaŭen pro abonemo... Sro la subpreefekto estis kuŝita sur la ventro, en la herboj nedece vestita kiel bohemulo. Li estis demetinta sian frakon kaj, dum li duonmaĉis violetojn, Sinjoro la subprefekto skribis versojn.

El la franca lingvo, tradukis:

JEANNE VAN BOCKEL.

---

# KRAKOVO.

## (RAPIDA SKIZO.)

Krakovo (Krakow) apartenas al la tipo de urboj, kies plej granda disvolviĝo okazis dum la fino de la mezepoko, post kiu sekvis periodo de malprogresado. Ekstere la urbo portas la stampon de la 18-a jc. Stratoj kaj arĥitekturo havas la karakteron de riĉa urbo, loĝita en pasintaj jarcentoj de burĝaro. Oni rimarkas malgrandajn domojn, plej-

parte kun tri fenestroj, kun grandaj arkaĵaj enirejoj kaj krom ili, sed malmulte, pligrandan konstruaĵon, ian palacon magnatan.

Tiuj domoj troviĝas precipe en strato de S-kta Johano, pro kiu tiu strato havas specialan karakteron: ne estas movado en ĝi, mankas butikoj kaj regas silento. La altaj domoj kun fenestroj ĉiam ŝirmitaj, kun ŝlositaj pordegoj, kvazaŭdormas dum en najbaraj stratoj regas bruego kaj vivo.

Krakovo estas ĝenerala tre petrinda. La stratoj malgrandaj, mallarĝaj, plenaj je kurbiĝoj formas pentrindajn angulojn. Malaltaj domoj kurbliniaj, subtenataj per grandegaj apogiloj kun facile videblaj kornicoj formas vivoplenan mozaikon de motivoj, ĉiuj malsamaj.

Krakovo estas la urbo de preĝejoj. Neniu alia pola urbo havas tiun nombron da ili. En ĉiu pligranda strato troviĝas multfoje preĝejo. La plej granda estas tiu de S-ta Mario, karakterizita per la bruna tono de la muroj. Ĝi estas kovrita per kupra tegmento, super kiu regas du turoj kun karakterizaj pintoj. Unu estas tre belega. Simplan kaskon de la pli alta turo formas ok-angula piramido, ĉirkaŭita meze per krono, malsupre per duobla vico da pli kaj malpli grandaj turetoj, tre interesa por la pola arĥitekturo. Ĝi leviĝas super la urbo kaj estas la plej alta turo en Polujo (86 m.)

Dua vidinda Krakova vidaĵo estas la kastelo sur Wawel kun ĝia katedralo. Ĝi estas la koro de la tuta Polujo. Tie ripozas la korpoj de ĉiuj polaj reĝoj kaj de granduloj kiel Mickiewicz (Mickjeviĉ).

La stilo, kiu sur la profana kaj la eklezia Krakovo gravuris sian stampon, estas la gota. Krom ĝi ni povas renkonti la alistilajn konstruaĵojn de romana, renesanca kaj baroka ĝis hidiaŭa.

MAKS ZIOMEK (Krakow).

---

# LA OFERO.

(DAŬRIGO.)

Hodiaŭ matene mi eltiris malgrandan kuglon el unu el siaj vundoj. Pro tio li konkludis sekrete, ke la granda operacio eble ne estos necesa, kaj lia ĝojo faris ĉagrenon al mi. Tamen mi ne estis kapabla forpreni de li tiun feliĉon.

La batalo rekomencis; tiufoje ĝi estas senespera. Kaj poste mi ne povas perdi tempon. Ĉiu horo forfluanta en la atendo, malfortigas lin. Ankoraŭ kelkaj tagoj kaj oni ne povos plu elekti; nur la morto post longa provo...

Li ripetas al mi:

— Mi ne timas, sed mi plivolonte volas morti.

Tiam mi parolas, kvazaŭ mi estus advokato de la vivo. Kiu donis al mi tiun rajton? Kiu donis al mi la elokventecon? La vortoj kiujn mi diras, estas ĝustaj, estas vortoj kiujn oni devas diri en tiu okazo; sed

kelkfoje mi timas tro multe promesi tiun vivon kiun mi ne estas certa konservi; tro multe promesi la estontecon kiu ne estas en la manoj de homoj.

Iom post iom mi sentas ke lia kontraŭstaro malpliiĝas. Estas io en li kiu kontraŭ lia volo donas al mi rajton kaj pledas por mi. Kelkfoje li ne scias kion diri kaj liaj kontraŭparoloj esprimitaj per malfeliĉa mieno estas preskaŭ neseriozaj, tial ekzistas tiom da pli gravaj.

— Mi loĝas kun mia patrino, li diras. Mi estas dudekjarulo... Kian situacion vi supozas por senkrurulo ? Ĉu oni devas vivi por ekkoni la mizeron ?

— Léglise, tuta Francujo ŝuldas tro multe al vi kaj ĝi hontus se ĝi ne elpagus al vi.

Kaj mi promesas, promesas je la nomo de l'lando kiu neniam volos nei miajn parolojn. En tiu momento tuta franca popolo estas malantaŭ mi kaj aprobas silente mian promeson.

Ni estas sur la terasrando; iĝas vespero. Mi tenas lian varmegan manradikon en kiu la malforta pulso frapas kun laciĝa furiozo. La nokto estas tiel bela, tiel bela! La fulmaj raketoj leviĝas super la montetoj; kovrante la horizonton je lunaj lumetoj; la kanonfulmo ekaperas rapide kiel palpebrumanta okulo. Malgraŭ ĉio tio, malgraŭ la milito, la nokto estas malhela kaj dieca. Léglise avide spiras per sia malgrasega brusto kaj diras:

— Ho, mi ne scias plu, mi ne scias plu... Atendu ankoraŭ unu tagon, mi petas...

:·: :·: :·:

Ni atendis dum tri longaj tagoj kaj Léglise cedis.

— Nu, faru vi kio estas necesa! Faru kion vi volas.

Matene antaŭ la operacio li deziris malsupreniri al la ĉambrego tra la parkŝtuparo. Mi akompanis lin kaj mi vidis ke li rigardis ĉion, kvazaŭ li volus voki atestantojn.

Sed, ke nun ne estu tro malfrue!

Denove li estis kuŝata sur la tablon. Denove lia karno kaj liaj ostoj estis despecigitaj. La dua femuro falis...

Mi prenis lin en miajn brakojn por kuŝi lin sur la lito. Li estis tiel malpeza, tiel malpeza...

Tiufoje li ekvekiĝis senparole. Mi nun vidis liajn manojn vagadantajn por trovi sian korprestajon.

:·: :·: :·:

Pasis kelkaj tagoj post la operacio. Ni faris ĉion kio estis home ebla, kaj Léglise revenas je la vivo iel timante.

Mi pensis ke mi mortos, li diras al mi hodiaŭmatene dum mi instigis lin manĝi.

Li aldiras:

— Kiam mi malsupreniris al la operaci-ĉambro, mi bone rigardis ĉiujn objektojn, kaj mi pensis ke mi ne revidos ilin.

—Rigardu, amiko, mia! Ili estas ĉiam la samaj, ĉiam tiel belaj!

Ho, li diris, perdiĝinta en sia memoro, mi faris oferon de mia vivo.

Fari oferon de sia vivo signifas preni ian decidon, esperante iĝi pli trankvila, pli kvieta, ankaŭ malpli malfeliĉa. La homo kiu faras oferon de sia vivo disigas multe da ligiloj kaj pro tio li iom mortiĝas.

Per maskita maltrankvileco mi mallaŭte diras, kvazaŭ mi demandus lin:

Estas ĉiam bona afero se oni povas manĝi, trinki, spiri, vidi la lumon...

Li ne respondas. Li revas. Mi tro frue parolis. Mi foriras kun mia maltrankvileco.

:-: :-: :-:

Estas ankoraŭ gravaj momentoj, sed la febro falas iom post iom. Mi havas la impreson ke Léglise toleras la doloron kun pli da kuraĝo, kiel iu kiu donis ĉion kion li povis doni, kaj nenion plu timas.

Fininte la bandaĝon mi turnigas lin flanke por dolĉigi lian malsanan dorson. La unuan fojon tiumatene li ridetis, dirante:

— Mi ja profitos ion, liberigita de miaj kruroj; mi povas kuŝiĝi flanke.

Sed li ne tenas sin ekvilibre; li timas fali.

Pensu al li kaj vi timos por li; kun li.

Kelkfoje li ekdormas plentage kaj dormetas kelkajn momentojn. Li estas plimalgrandigita je infana staturo. Kiel al infanoj, mi metas sur lian vizaĝon gazpecon kontraŭ la muŝoj. Mi alportis al li boteleton da kolonja akvo kaj ventumilon, kaj tio helpas toleri la lastajn malbonaĵojn de la febro.

Li rekomencas fumi. Ni fumas ambaŭ sur la teraso, kien mi portigas lian liton. Mi vidigas al li la ĝardenon kaj diras: «Post kelkaj tagoj mi alportos vin en la ĝardenon».

:-: :-: :-:

Li priokupas sin pri siaj najbaroj, iliaj nomoj kaj iliaj vundoj. Por ĉiu li trovas kompatan vorton, kiu eliĝas el fundo de l'koro. Li diras al mi:

Mi sciiĝas ke la malgranda Camus mortis, malfeliĉa Camus!

Liaj okuloj pleniĝas je larmoj. Pro tio mi estas preskaŭ feliĉa. Estas tiel longa tempo de kiam li ploris. Li aldiras:

— Pardonu al mi, mi kelkfoje vidis Camus. Estas granda malfeliĉo!

Li iĝas treege sentema. — Li kortuŝiĝas pro ĉio kio okazas ĉirkaŭ li, pro la sufero de la aliaj, pro ilia mizero. Li vibras kiel eminenta amo, deliranta pro granda krizo.

Li parolis pri ili por malaltigi sian mizeron.

— Ĉu Dumont estas trafita ĉe la ventro? Ha, Dio mia, miaj esencaj organoj ne estas trafitaj; mi ne povas plendi.

Mi rigardas lin kun admiro, sed mi atendas ankaŭ ion, ion...!

Precize kun Legrand li estas tre intima. Legrand estas ŝtonhakisto, kaj havas vizaĝon de junulino. Li perdis grandan pecon da kranio. Li ankaŭ perdis la parolkapablon kaj oni lernigas al li vortojn kiel al infano. Li komencas leviĝi kaj ĉirkaŭmoviĝas apud la lito de Léglise por fari al li diversajn servojn. Li penas obeigi sian ribelantan langon, sed ne sukcesante tion, li ridetas kaj esprimas sin per sia klara, inteligenta rigardo.

Léglise kompatas ankaŭ tiun.

— Estas certe tre malagrable, ke oni ne povas paroli...

(Daŭrigota.)

---

## ALVOKO POR LA XIIIaj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

En 1927 estos ne la plej granda, sed jes la plej bela urbo de tiu belega katalunlingva teritorio, nia poezia kunvenejo: SOLLER.

Al vi, Esperantaj verkistoj, inspiruloj el ĉiuj landoj, saluton! kaj inviton partopreni la jenajn konkursojn:

ORDINARAJ TEMOJ

ORIGINALAJ TEKSTOJ

I. — Versaĵo kantanta AMON.

II. — Proza AMA verkaĵo.

TRADUKITAJ TEKSTOJ

I. — Esperantigo de la kataluna versaĵo: RECORD DE SOLLER.

II. — Esperantigo de la kataluna prozaĵo: RAMON DE MONTJUIC.

Multnombraj EKSTERORDINARAJ TEMOJ.

Jaume Grau Casas, Prezidanto. — Frans Schoofs. — Josep Casanovas. — Narcis Bofill. — Marian Sola. — Delfi Dalmau, Sekretario.

NOTOJ EL LA REGULARO

I. — La aŭtoroj de la du premiitaj Originalaj tekstoj I-II, kaj tiuj de la du premiitaj Tradukitaj tekstoj I-II, ricevos ekzempleron de la verko «Kataluna Antologio». Krom tio estos donacata al ĉiu laŭreato atesta diplomo.

II. — Al la aŭtoro de la plej bona teksto (versaĵo aŭ prozaĵo) el la kvar ordinaraj premiitaj verkoj, la Komitato aljuĝos la Naturan Floron kaj la rajton elekti reĝinon de la Festo.

III. — La verkoj konkursontaj devas esti verkitaj en bona Esperanto, kaj ne ankoraŭ eldonitaj aŭ anoncitaj.

V. — La manuskriptoj, kiuj portos surskribitan devizon, devas esti ricevitaj antaŭ la 28 februaro 1927 ĉe la Sekretario de la Floraj Ludoj, (S-ro Delfi Dalmau, Carrer Valencia, 245, Barcelona) akompanataj de fermita koverto, kiu surhavos la saman devizon kaj entenos la nomon kaj adreson de la verkinto.

Pliajn informojn petu de S-ro Dalmaŭ, Carrer Valencia, 245, Barcelona.

# DIVERSAJ INFORMOJ.

S-ro PAUL NYSSENS, 129, rue Froissard, Bruselo, dezirus konatiĝi kun temsludantaj gesamideanoj, en Belglando, kaj ankaŭ en Parizo kaj Nice.

Esperantistoj Sciencistoj kaj Teknikistoj aliĝu al **Internacia Scienca Asocio**! Generala Sekretariejo: 35, rue du Sommerard, Paris V. Kotizo: 0.5 aŭ 2.5 Dolaroj laŭvole.

S-ro RAPHAEL NOGUEIRA, Carangola, Estado de Minas (Brazilo) deziras korespondi kun ĉiulanraj gesamideanoj par P., PK., PM., L., ktp.

LA INFORMOFICEJO DE MECHELEN (Malines) eldonas serion de poŝtkartoj pri la fama sonorilaro de tiu urbo. La kartoj surhavas malgrandan propagandon tekston en Esperanto. Serio estas havebla kontraŭ sendo de Fr. 0.25 belg. al S-ro Baesens, Del. de UEA., 16, Statiestraat, Mechelen.

LA GAZETO «EL PROGRESO» DE BARCELONA, kiu de tempo al tempo, aperigas tradukaĵojn, publikigis la 29an de Aŭgusto hispanan tradukaĵon de la artikolo «Napoleono neniam ekzistis», kies originalo — verkita de nia redaktoro Maŭr. Sehède — aperis en nia numero de marto pasinta.

---

## ALVOKO AL LA BELGAJ STENOGRAFIISTOJ-ESPERANTISTOJ

Sro Cogen sin turnas al la Belgaj stenografiistoj-Esperantistoj ambaŭseksaj por proproni al il, **sen distingo de sistemo**, ke ili grupiĝu en Asocio, kies celo estus la ekzercado en Esperanta stenografio, krom la interesiĝo al ĉiok kio rilatas stenografion. La propono ankaŭ rilatas al la Universala Kongreso de stenografio, kiu okazos en Bruselo 1927.

Kiu deziras ricevi ĉiujn detalojn pri la demando simple sendu sian vizitkarton kun la mencio «stenografiisto» al S-ro L. Cogen, Drève, 52, Ninove.

---

# SPRITAĴOJ

ENIGMO.

— Mia unua kuras, mia dua kuras, mia tria kuras ne? Kio estas tio?

— Tion mi ne kapablas diveni!

— Tio estas miaj tri infanoj.

LIA EDZINO.

— Vi estos la bonvenanto por mi, kara amiko, sed aŭskultu: estus tre agrable al mi, se via edzino je l'vizito NE havus sian novan peltomantelon; vi konas mian edzinon kaj vi scias, kiel ŝi tiam tedegos min, por ankaŭ havi tian mantelon.

— Sed kara, vi konas tamen ankaŭ MIAN edzinon; nur por tio ŝi venas!

LI ESTIS PRAVA.

— Paĉjo, kial la cikonio staras ĉiam sur unu piedo?

Patro. — Jes, knabo, vi komprenas... se ĝi ankaŭ levus tiun piedon, ĝi certe falus.

KAPTITA.

Iu enkondukis dum vesperfesto sian pli junan fraton.

— Li ne estas tiel stulta, kiel li aspektis, diris li.

— Tio estas la nura diferenco inter mia frato kaj mi, aldonis la pli juna.

---

IDEOJ PRI LA VIRINOJ.

— Malica virino instigita de malamo kaj de furiozo estas danĝera malamikino. Rotron.

— Kiu pleje komplimentas la virinojn malpleje estimas ilin.
E. Vergniaud.

— Nur la virino kapablas vidi ne rigardante, kaj aŭdi ne aŭskultante. Petiet.

— Kelkfoje la virino pardonas, sed ĉiam ŝi rememoros. L. K.

— La virinoj duelas per la okuloj. S-ino Backi.

— La virino preferas la emocion pli ol la rezonon. Stendhal.

— La virino estas io ĉiam ŝanĝiĝanta. Virgiles.

— Ĝis la fino la virino estas regata de sia malforta koro.
S-ino C. Regtan.

— La opinio de la virino estas ofte pli aŭ malpli fidela eho de sia emocio. Ceroix.

— La virino havas mil aspektojn. Richelieu.

— La virino adoras la aventurojn kaj precipe la aventuristoj.
Goethe.

— Se vi renkontas malfeliĉulon estu certa, ke virino preterpasis.
L. K.

— La virino ludas kun la viroj kiel ŝi volas, kiam ŝi volas, kaj kiom ŝi volas. Balzac.

— Ĉe la virinoj la vanteco faras pli da viktimoj ol la amo. X...

— La bonaj virinoj estas ĉiuj en la tombo. Proverbo.

---

# BIBLIOGRAFIO.

ESPERANTO - GERMANA BIBLIOTEKO eldonata de D-ro Emil Pfeffer. — No 1. Elektita Esperanta Legaĵo por komencantoj kaj kursoj. Rakontoj kaj poemoj kun germana interlinia traduko kiel ankaŭ lingvaj kaj literaturaj klarigoj. — Vieno 1926. Eldonejo Paul Knepler (Wallisheaur'a Librejo) I., Lichtensteg, 1. 32 paĝoj de 13 × 18 cm. Prezo: Fr. sv. 0.50.

NEDERLANDSCH - ESPERANTO HANDELSTERMEN benevens ± 1500 spreekwoorden en uitdrukkingen door J. B. Eiselein; eldonis I. C. G.

Malmberg, 's Hertogenbosch (Nederlando). 100 paĝoj 13.5 × 19 cm. Prezo: Guld. 1.20.

La unua duono de la libro enhavas nederlandlingvan komercan terminaron kun traduko en Esperanto. Tiu dokumento sendube faros grandan servon ankaŭ al niaj flandraj amikoj, kiuj ĝis nun ne disponas grandan vortaran materialon en sia lingvo, despli ke la vortoj prezentitaj en la libro de Eiselin ne aperas en la jam ekzistantaj vortaroj nederlanda-Esperanto.

La dua duono de la eldonaĵo konsistas el kolekto de -500 proverboj kiujn la kompilanto grandparte ĉerpis el la «Proverbaro» de Zamenhof kaj akompanigas de la samsignifa proverbo en nederlanda lingvo. Tiu laboro, multe helpos la Esperantajn verkistojn en la flandra parto de nia lando. ,

KANTARO ESPERANTA. kompilita de Montagu C. Butler, eldonis British Esperanto Association, 17 Hart Street, London, W. C. 1, — 120 paĝoj 12 × 18 cm. Prezo: Sh. 1/6.

Tiu libro enhavas 258kantojn, prezentitajn laŭspece en diversaj partoj: Esperantistaj kantoj, anglaj popolkantoj, anglaj kantoj malnovaj, irlandaj, kimraj, skotaj kantoj, modernaj solkantoj, religiaj, plurvoĉaj, humoraj kaj operaj kantoj.

METODO DE LA MANPRESITAJ ORNAMAJOJ. Unua Parto. 1926. Verkis kaj eldonis Albin Neuzil, lernejestro, Olomouc-Neredin, Ĉeĥoslovakujo. Krom la 4 paĝa klarigo de la metodo aplikebla en la t. n. laborlernejo, la eldonaĵo enhavas kolekton de 8 koloritaj model-folioj. Prezo: Svis. Fr. 2.50.

ESPERANTA STENOGRAFIO INTERNACIA de Dyba, gimnazia professori, — Unua Parto. Korespondada Skribo. 14 paĝa (10.5 × 16.5 cm.) broŝuro hektografiita. Aĉetebla ĉe la aŭtoro: Moltkestr., 4. Berlin Niederschoenhausen.

THE OBJECT LESSON. Comedy in three acts, by William Morisson. 1926 Eldonis British Esperanto Association, 17 Hart street W. C. — 20 paĝoj 11 × 14 cm. Prezo nemontrita. — Propaganda komedieto en angla lingvo.

Deutsch - Esperanto - Buecherei No 8. — ESPERANTO - LEITFADEN FUER DEN KAUFMANN de Max Butin. 1926 Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 64 paĝoj 12.5 × 18 cm. Prezo: Rmk. 1.—.

Tre praktika lernolibro tute speciale aranĝita por komercistoj, kiuj deziras rapide lerni nian lingvon. De la komenco estas uzataj nur vortoj kaj frazoj, kiuj povas tuj servi al la nova lernanto. Ĉio superflua estas forigita. Bonega laboro.

KURSA LERNOLIBRO laŭ praktika parola metodo, de D-ro Edmond Privat. 6a eldono, 1926. Eldonis Ellersiek kaj Borel, Berlin & Dresden. 80 paĝoj 11 × 16 cm. Prezo: Rm. 0.80. Bonega lernolibro internacia, ĉie uzebla. Speciale taŭgas por kursoj.